1.8.1) Da Faenza, Ortelli ha fatto sapere che si sta interessando per l'"Ekumena Diservo" e per l'accompagnamento dei congressisti nel Museo Internazionale della Ceramica.

Romano BOLOGNESI

 

## AMIKAJVIZITOJ

La 28an de oktobro 1992 ĝis la 31a estis en Bologna nia karaj geamikoj Petro CHRDLE kaj edzino Stanjo.

Ili venis por havi kontaktojn kun diversaj homoj en Italio kaj por viziti kelkajn urbojn. Ĉio iris laŭ iliaj planoj kaj ni estis tre kontentaj havi ilin ĉe ni dum la tempo, kiun ili pasigis en nia urbo.

Ni vizitis la esperantistajn klubojn kaj iomete nian urbon. Impresis ilin diversaj artaĵoj, sed ĉefe la baziliko dediĉita al Madono de Sankta Luko, sur bela monteto, alatingita de la longa fama portiko.

La 18an de novembro 1992a rusa samideanino Natalia (Nataŝa) KOLESNIKOVA, por la unuan fojon en Italio, akompanata de nia kolego Giovanni ASTEGIANO el Bistagno AL, vizitis nin en Bologna.

Kun granda ĝojo mi akompanis ilin tra la urbo kaj ĉiĉeronis, sed ĉefe ili partoprenis dum kursleciono en nia klubejo, kie ni povis praktiki la lingvon ekscitante pri la vivo en Rusio, resp. en Sankta Peterburgo.

Tre interesa interŝanĝado da spertoj por ĉiuj kaj nova bonega okazo por provi la taŭgecon de Esperanto por la solvo de la monda lingva problemo. Vere nia interkompreniĝo fluε, komplete kaj ĝue efektiviĝis.

Kaj, kiel ĉiam, nur se ni estas funde konvinkitaj, ni povos konvinki aliajn pri ĉi tiu mirinda realaĵo.

RoBo

## ITALAJ POPOLDIROJ

## BOLONJAJ PROVERBOJ

"Nek kun kato, nek kun hundo, nek kun frenezulo, faru viajn aferojn."

"Por tutkoni amikon, oni manĝu kune cent buselojn da salo."

"Bela vidaĵo, pli bela konvinkiĝo."

"Kiu spinis havas unu ĉemizon, kiu ne faris tion ĝuas du."

"Malsato forpelas lupon el arbaro."

"Kiu pagas festenon, ne ĝuas ĝin."

"Perfortita faro, ne tro valoras."

"Kiu havas dentojn ne havas panon, kiu havas panon ne havas dentojn, kiu posedas ambaŭ, tiu ne malsatas"

"Faru la kapuĉon laŭ la monaho."

Elbolonjigis RoBo

## REGIONAJ PROVERBOJ

"Tri potentuloj estas en la mondo: Papo, Reĝo kaj nenioposedanto."
(Sicilia proverbo)

"Mensogojn, tiel kiel lamulojn, oni ekkonas el malproksime."
(Piemonta proverbo)

"Plej bone eluzi ŝuojn ol littukojn." (Emilia proverbo)

"Al la plej bona amiko, la plej trafan ŝtonjeton." (Pulja proverbo)

"Edziĝu rapide kaj pentu senurĝe."
(Toskania proverbo)

"Marŝanta kokino ĉiam revenas kun plena kropo." (Toskania proverbo)

"Kiu pensas pri aliulaj aferoj, el

tri malbonaĵojn du li ricevos."
(Markia proverbo)

Elitaligis RoBo

## DEVIZOJ EL FAMULOJ

"Viroj aprobas leĝojn, virinoj kutimojn." (Giulbert)

"Kvankam ni ofte dubas pri la sincereco de niaj alparolantoj, ni opinias ilin pli sinceraj al ni ol al aliaj." (La Rochefoucauld)

"En malpacienco ĉeestas orgojlo kaj malforto; pro tio pacienco estas virto tiel granda." (N. Tommaseo)

"Kiu serĉas konsilojn marŝas longan vojon, mallongan kiu sekvas ekzemplojn." (SeneKo)

"Kiam falsa opinio enradikiĝas, oni devas kontraŭbatali ĝin; se ne, ĝi pravigas al si rajton de komuna saĝo." (Cesare Cantu')

"Malbono ĉiam naskiĝas, kie amo ne sufiĉas." (Herman Hesse)

Elitaligis RoBo

## LA DANĜERO DE LA TABAKO

Pli ol 1 miliardo da homoj fumas!

La mortoj kaŭzitaj de la tabako estas multegaj; tion scias ĉiuj, sed malmultaj scias pri la kvantoj.

Nur en Italio ĉiun jaron mortas ĉ. 80.000 homoj (ĉ. 15% el la tutaj mortoj) pro la efiko de la tabako; en Usono 315.000; en la mondo inter 3 kaj 4.000.000 po jaro, kaj je 90% de la kanceroj en la pulmoj devenas de fumado. Tuta nacio malaperas!

Kvankam oni diras, kaj eble veras, ke en Usono kaj ankaŭ ĉe ni la fumantoj malkreskas, certas ke en la mondo ili plukreskas; kaj tendence de la plej forta al la plej malforta: de viro al virino, de riĉulo al malriĉulo, de plenkreskulo al junulo, de evoluita al ne evoluita lando.

Kaj la danĝerego kreskas ankaŭ por kiu ne fumas, kiam li/ŝi loĝas kun fumanto: por tiu la ebleco akiri ka-nceron pli ol doubliĝas.

Interesa medicina studado, krom la homan, eĉ kalkulis pri la ekonomia kosto de fumado. La Ŝtatoj ja gajnas per impostoj, sed porsanigaj elspezoj, malĉeesto en la laborejoj, malgajnoj pro malpli alta produktado kaj anticipaj mortoj valoras dekoble.

En Italio oni interrilatis fumador kun laborokupado. Tabakindustrio la~~borigas c. 35.000 dungitojn Ĉiuja~~re 80.000 homoj mortas kaj aldone 120.000 hospitaliĝas pro malsanoj ligitaj je fumado. Do, kompare al 1 homo laboranta en tiu fako, pli ol 2 mortas kaj kvazaŭ 4 restas en mal sanulejo por averaĝe 13,5 tagoj, kun kostoj, ŝarĝe de la Naci-saniga Servo, por 280 miliardoj da ITL (Li roj) (ĉ. 200 milionoj da US$).

Tamen multaj opinias ke tiuj impostoj reprezentas aktivan voĉon por la Ŝtatoj. Sed nur por bilanci la kostojn, ĉiu cigaredpaketo devus ko sti almenaŭ kromajn 6.000 ITL.

Praktikaj eksperimentoj jam pruvis ke, kiam oni altigas la kostojn de tabakaĵoj, ilia uzo malkreskas procentaje je la duono. Grada plano de prezkreskado kune kun vasta propaganda edukado kontraŭfumada, kaj kla riganta ke ne temas nur pri kutima impostaltigo, ja estus trafa rimedo por malaltigi la tabak-malbonaĵoj kaj la kostojn sen malkresko de ŝta tenspezoj. Tio verŝajne estus la p ej efika senkosta agado por plibon gi la homan vivon kaj plilongigi t es daŭrespero.

Lastatempe la Konsilio de la Ministroj pri la Sanigaj Servoj de la Eŭropa Komunumo interkonsentis po la substrekado kaj disvastigado d la informo ke "tabako" seriozege d maĝas la homan sanon; fumado estig as kanceron kaj estas la ĉefa kaŭz de la kor- kaj cirkul- malsanoj.

Almenaŭ, sed tio ne sufiĉas, nov leĝo diktas ke ĉiuj datumoj pri ti aŭ aliaj sloganoj dovos esti devig

presitaj sur ĉiuj cigaredpaketoj en Eŭropo ekde ĉi tiu jaro.

Lasta novaĵo: la itala registraro prezentis al la parlamento leĝproponon por drasta limigo de la fumado en ĉiuj publikaj, aŭ vizitataj de publiko, ejoj. Ankaŭ en diversaj komunumaj registraroj oni strebas aprobi leĝojn kontraŭ la fumado en laborejoj, oficejoj, ktp. Jam la duan fojon oni enkondukis malpermeson fumi en publikaj ejoj fare de ŝkabeno de la Komunumo de Bologna, sed la unan fojon juĝisto sentencis kontraŭ aj nuligis ĝin. Ni devas esperi.

Cetere: ankaŭ la lokomotivoj ĉesis fumi, apenaŭ ili povis fari tion!

Romano BOLOGNESI

## GRANDA PONTO
### KONDUKOS AL SICILIO

Post longa diskutado kaj esplorado ~~la itala kabineto decidis konstrui~~ ponton inter la kontinento kaj Sicilio por la fervoja/ŝosea trafiko. Laŭ tiu decido oni devas pretigi la projekton antaŭ la fino de 1992. La (pendo-)ponto havos tiujn karakterizojn:

- 2 pilieroj altaj 390 metrojn,
- viadukto alta 65 metrojn super la markolo,
- 6 ŝoseaj trafik-strioj,
- 2 fervojaj trakoj,
- finkonstrua limdato: 10 jaroj.

Oni antaŭvidas pojaran trafikon:

| | |
|---|---|
| - pasaĝeroj: | 12.000.000, |
| - aŭtomobiloj: | 900.000, |
| - ŝarĝmobiloj: | 500.000, |
| - fervojvagonoj: | 600.000, |
| - varoj (tunojn): | 11.000.000. |

Car transiĝanta trafiko daŭre kreskas, oni kalkulas ke dum la sekvaj 20 jaroj ĝi atingos je 150%.

(Mallongigo el "H.F.M.")

## FERVOJLINIO FINITA ...

Dum la sepdekaj jaroj F.S. (Italaj Ŝtatfervojoj) ekkonstruis rektegan linion inter Romo kaj Florenzo (alian duoblan linion, kun diversaj konektoj je la malnova, kiu estas pli ol 50 km pli longa).

Kiel kutime, inaŭguro de liniopartoj okazas iom post iom, ĝis la laborfino. La kompletiĝo finfine venis... La lasta segmento, inter Valdarno Nordo kaj Valdarno Sudo, estas ordinare traveturita ekde kelka tempo.

La tuta linio utilos ankaŭ por la prototipoj de la novtipa elektrotrajno "ETR 500", per kiu FS intencas ekveturigi ankaŭ en Italio pasaĝerojn je pli ol 300 km/h.

Romano BOLOGNESI



## PERSOJ
### TIBOR ŜEKELJ

Legante la revuon "El Popola Ĉinio", mi havis okazon trovi artikolon "Homoj neforgeseblaj" pri la "Jugoslavia" verkisto Tibor Ŝekelj.

Li estis la unua esperanta verkisto, kiun mi trovis sur mia mallonga vojo kiel samideano. Legante liajn aventurajn romanojn, kiuj rekondukis min al mia knabaĝo (kiam mi legadis la romanojn de la franca Jules Verne), mi estis same ravita.

Do, mi ĝojis legante la jusdiritan ~~artikolon~~.

Bedaŭrinde tuj mi komparis la pacan laboron kaj penson de nia samideano al la agado de iuj liaj samlandanoj, kiuj iniciatis sovaĝan civitanan militon, kiu portas morton,

malsaton, malkuraĝon, teruron eĉ al infanoj kaj maljunuloj.
Dum ĉi tiu skribaĵo estis verkita oni akceptis/as paŭzojn inter la batalantoj, sed tre ofte oni ilin trompe malrespektas, kaŭzante aliajn detruojn kaj murdojn.
Tio okazas ĉar oni ne sekvas liajn instruojn: vere li estis vigla kaj pacama instruisto!
Li traveturis la tutan mondon por disvastigi la esperantan pens-manieron.
En la biografia eseo "Tibor Sekelj pioniro de la dua jarmilo" Spomenka Štimec, samlandana verkistino, rememoras la jenajn liajn vortojn: "Post la vorto "Paco" la sekvonta plej grava vorto estas "Amo".
Mi eĉ rememoras ke en lia plej malgranda libreto (mikro-libreto formato 15x15mm) la vorto "Paco" estas skribita en 100 malsamaj lingvoj.

Agostino MANTOVANI



## TURISMA BROŜURO PRI TRENTO-REGIONO

La s-anoj de Trento sukcesis presigi turisman broŝureton pri la vintraj kaj someraj allogaĵoj de la regiono.
Ĉiuj estas aparte invititaj mendi ekzemplerojn, riceveblaj senpage.
APT - AZIENDA DI PROMOZIONE TURISTICA DEL TRENTINO, Via Sighele 3, I-38100 TRENTO TN (Italio).

Alfredo BASSETTI



## LA KONTROLADA CIRKVITO DE LA RELOJ

En Italio, ĝis nun, la kontrolo pri la vertikala eluziĝo de la reloj, laŭ la tuta uzata reto, oni plenumis okule (observado kaj mezurado per taŭgaj instrumentoj).
Same kiel ĉe aliaj eŭropaj ŝtataj fervojoj, oni realigis birad-programon, laŭ ĉirkaŭ 4.200 kilometroj da relparo, pere de kontrolvagono, tiucele ekipita kaj nomita S.M.775.
Ĉarelo lokata centre, sub la vagono, biras detalojn kiujn tuj komputilo (ankaŭ lokata en la veturilo) ellaboras.
Subite kaj aŭtomate la vagono S.M. 775 spruĉigas flavan lakon, videbligante la difekton.
Magneta bendo registras la rezultojn por plue ellabori ĉion.
Tiuj rezultoj permesas facilan interpretadon pri la prioritatoj, por elekti kie oni devas interveni.
Dum la unua relief-kampanjo, oni registris 1.974 difektojn, evidentigante 1 difekton, averaĝe, po 1750 metroj kaj 1 difekton kun altebleca rompiĝemo po 20 kilometroj da reto, ĉirkaŭ.
Konklude, la rezultoj de la programo evidentigis gravan degeneradon en multaj reloj; oni nepre sendis tiujn rezultojn al la kompetentaj oficoj por la programado de la fajladintervenoj.

Agostino MANTOVANI

(el "La Tecnica Professionale" = "La Profesia Tekniko")

## KORAN DANKON

Ni kore dankas s-ron RAPACCHI el Bologna, simpatianto pri Esperanto.
Li donacis al ni tre belajn ceramikaĵojn por nia estonta utiligo (eble lotumado). Li ankaŭ aliajn fojojn donacis paper- kaj silkajn florojn por diversaj uzoj.
Al li ni bondeziras ĉiam bonon.

Sergio NEGRONI

## KOLEKTO DE KONGRESLIBROJ DE LA I.F.K.

La SK Bolognesi dankas tre kore al ĉiuj, kiuj helpis en la daŭrigo de la planita tuta kolektado de ĉiuj kongreslibroj de la IFEF-kongresoj.

## MALNOVAJ IFIB-NUMEROJ

Ni ankoraŭ posedas ekzemplerojn de diversaj pasintaj numeroj de nia IFIB, kiujn ni volonte sendos al kiuj deziras kompletigi kolekton aŭ uzi ilin propagandcele. Mendu ĉe: IFEA, Via de' Poeti 5/2, I-40124 BOLOGNA.




## ZAMENHOFA TAGO EN VERONA

En Verona (1991.12.13), jam oni festos la 2an Zamenhofan Tagon, rigore parolante nur en Esperanto.

## REDAKCIAJ ADRESOJ

Bonvolu sendi redakciajn korespondaĵojn al la asocia adreso:
Via de' Poeti 5/2, I-40124 BOLOGNA,
aŭ al tiu de la Sekretario:
Via Misa 4, I-40139 BOLOGNA;
(por urĝaj komunikoj, resp. telefonu: 0039/(0)51/6306347 -/547247);
aŭ al la adreso de la Redaktoro:
Claudio PAVESI, viale Giulio Cesare 239, 28100 NOVARA, -/(0)321/474445.

## REAGU, RICEVINTE IFIB-n

Kvankam alvenis nombraj reagoj kaj ĉiam cele al organizo de ekspozicio, ni deziras ricevi reago-signon de ĉiuj, kiu loĝas eksterlande.
Do, ni petas vin sendi karton, prefere bildkarton, kun nomo (persona resp. societa, radakcia) adreso kaj simplaj salutvortoj.
Anticipe dankante, ni aldonas nian asocian adreson:
IFEA (Itala Ferv. Esperanto-Asocio)
Via de' Poeti 5/2
I 40124 BOLOGNA (Italio)

## MUZEO DE BILDKARTO

Nia amiko Marco PICASSO sciigas al ni ke antaŭnelonge ekiĝis nova muzeo: nome tiu de bildkarto.
Bonvolu sendi al ĝi multajn bild-(poŝt-)kartojn por la Esperanto-sekcio. Jen la adreso:
"Museo della Cartolina"
p/a Carmelo NUVOLI
I-38060 ISERA TN (Italio)

## NI RICEVIS REAGOJN, GRATULOJN KAJ DANKOJN PRO LA BULTENO

Daŭre alvenas diverstipaj favoraj reagoj pro la sendo de nia bulteno kun multaj komplimentoj. Ni redankas ĉiujn, inter kiuj:

Stefano BAGNOLI RA (I) "Mi ricevis vian organon kaj mi amuziĝis legante ĝin kaj provante solvi la enigmojn".

Raimond STEENHOUT (B), "Mi dankas vin sincere pro la elsendo de 'Itala Fervojisto', kiun mi tre ŝatas. Ĝi estas bonega."

Ludmila HUBCZENKO (PL), "... La lasta n-ro 2/91 tre plaĉis al mi."

Klara MALI ŞZABO (H), "Dankon pro la Bulteno. Ĝi estas tre utila al mi."

Horst THEURICH (D), "Via I.B. estas ĉiam tre bele aranĝita per bildoj, kiuj pruvas, ke kun ĝojo, vi verkas la tutajon".

Erhard HERLITZE (D), "Mi tre kore dankas pro la regula sendado de via interesa fervojista gazeto. Kun granda ĝojo mi ĝuas la seriozajn artikolojn, desegnajojn, spritajojn, regionajn kaj 'bolonjajn' proverbojn. ..." (Venis ankaŭ helpo por sendokostoj. Dankon!)

RoBo

## LA 45a IFEF - KONGRESO CERVIA 06-12.06.1993

Informoj pri la Kongreso kaj ankaŭ pri la Postkongreso: bonvolu atente legi en IF n-roj 5-6/1992a, aŭ skribu por peti informojn al la kutima adreso: 45a IFEF-Kongreso, Via de' Poeti 5/2, I-40124 Bologna (Italio)

Belegaj Bildkartoj kaj Glumarkoj pri aĉeteblas ĉe IFEA; sama adreso.

1 Bildkarto = 250 / 4 = 1.000 ITL;
1 Folio (16 glumarkoj) = 4.000 ITL

Uzu ilin kaj propagandu la 45an !! Nun estas la plej bona momento aliĝi! La Liro valoras malplie! Sed, ĉu tio daŭros longe...???

## R A D I O  DISSENDOJ

Itala RAI (Radio Romo):

- Sabate, je 20,00-20,20h, laŭ UTC, t.e. 21.00-21,20h, laŭ mezeŭropa (itala) tempo;
- Frekvencoj/ondlongoj:
  25,42 m (11800 kHz);
  30,90 m (9710 kHz);
  41,24 m (7275 kHz).
- Adreso: Radio Roma Esperanto
  C.P. 320, Centro Corr.
  I 00100 ROMA (Italio).

Radio Vatikana:

- Jaŭde, je 06,10-06,25h, laŭ UTC, t.e. 07,10-07,25 en Italio;
  186 m (1611 kHz);
  (6185 kHz);
  40,73 m (7365 kHz);
  19,72 m (15210 kHz).
- Dimanĉe, je 20,20-20,30, laŭ UTC, t.e. 21,20-21,30 en Italio;
  570 m (526 kHz) (por roma zono);
  196 m (1530 kHz);
  48,01 m (6248 kHz);
  41,38 m (7250 kHz);
  (7360 kHz);
  19,72 m (15210 kHz);
  16,94 m (17710 kHz);
  16,92 m (17730 kHz);
  13,86 m (21650 kHz).
- Adreso: Radio Vatikana
  Esperanta Redakcio
  I 00120 CIVITO VATIKANA.

Radio RadiKala:

- Lunde, 16,00-17,00 en Italio, per diversaj ondlongoj laŭ la loko.
- Adreso: Radio Radicale
  Via di Torre Argentina 76
  00186 ROMA (Italio).
  Tel. 02/734646.



## KORESPONDI DEZIRAS

Diversaĵaj ĝekomencantoj en kurso ĉe nia fervojista klubo d.k. kun la t.m. pri c.t.; adreso:
Gruppo Esperanto D.L.F. Bologna
Via de' Poeti 5/2
I 40124 BOLOGNA (Italio).

## ALIAJ ESPERANTO-ARANĜOJ

36a Internacia Seminario de GEJ:
Kiam: 27.12.1992a-03.01.1993a;
Kie: Bad Kleinen/Makl. (D);
Adreso: Germana Esperanto-Junularo
IS admininistrado
Unter den Linden 36-38
D-O-1086 Berlin (Germanio).

77a Brita Kongreso de Esperanto
Kiam: 28-31.05.1993a
Kie: Hamilton (Skotlando) (GB)
Adreso: S-ino J. Bissett
47 Airbles Cresc.
Motherwell, Skot. ML1 3AP (Britio)

## FERVOJISTAJ ESP.-ARANĜOJ

34a I.F.E.S. (IF n-ro 3/92, p. 38a)
Kiam: 16-23.01.1993a
Kie: Hasliberg-Reuti, regiono Berner Oberland (CH);
Adreso: S-ro Jan Niemann,
Edvard Munchsvej 9,
DK-3000 Helsingør (Danio)

Generala Kunveno de F.F.E.A.;
Kiam: 03-04.04.1993a;
Kie: Saints (F);
Adreso: AFCE - 1bis rue d'Atènes,
F-75009 Paris (Francio)

45a I.F.K. Cervia I (IF 5-6/92);

PostKongreso de 45a IFK (IF 5-6/92)
Kiam: 13-15.06.1993;
Adreso (informoj): Tiu de la IFK

78a Universala Kongreso;
Kiam: 24-31.07.1993a;
Kie: Valencia (E);
Adreso: 78a UK, UEA
Nieuwe Binnenweg 176
NL-3015 BJ Rotterdam (Nederlando).

49a Internacia Junulara Kongreso;
Kiam: 07-14.08.1993a;
Kie: Vraca (BG);
Temo: Ekonomio kaj socio en ŝanĝoj
Adreso: L.K.K. de 49a I.J.K.
Esperanto - p.k. 26
BG-3000 Vraca (Bulgario)

## SPRITAĴOJ

### LA MALKOVRINTO DE AMERIKO

En lernejo, pri la 500a ĉijara fama datreveno. "Peĉjo, kio estis Kolumbo?" "Li estis birdo." "Birdo?!" "Jes, ĉu ne li metis ovon?"

### AKURATECO

El intervjuo de iu firmaomastro:
"En mia fabriko okazas multaj laborakcidentoj. Tio venas nek de nesekuraj maŝinoj, nek de la distroj de la laboristoj, sed de troa statistika akurateco!"

### PETRO KAJ KARLO

Iun tagon Petro renkontante Karlon demandis al li: "Ĉu baldaŭ vi atingos la vilaĝon?"
"Jes" respodas Karlo.
"Ĉu vi povas aĉeti al mi fajfilon?" daŭrigas Petro.
"Certe mi faros!" Konsentas Karlo.
Post kelkaj tagoj la amikoj revidas sin.
"Saluton al vi! Ĉu vi estas iranta al la vilaĝo?" demandas Petro.
"Jes" konfirmas Karlo.
"Ĉu vi aĉetos al mi fajfilon?" reprenas Petro.
Karlo jesas.
Post aliaj tagoj, Petro vidante Karlon diras: "Mi donas al vi dekmil lirojn, ĉu vi povas aĉeti al mi fajfilon en la vilaĝo?"
"Certe ke de nun vi fajfos!" respondas Karlo, frapetante la ŝultrojn de lia amiko.

## N I  C E R B U M A S

### LA MANKANTAJ VORTOJ





Jen bildo kun kadretoj, en kiuj vi skribu la komencliterojn de la vortoj, kiuj mankas (...) en la proverboj.
Se la solvoj taŭgos, tiuj literoj formos la nomon de la urbo kie estas la fotita konstruaĵo.

1) ... korpo ne doloras.
2) ... generaloj parolu pri bataloj
3) ... oni neas, skribo ne pereas.
4) Ne ekzistas regulo sen ... .
5) ... ne estas kareso.
6) ... pri vi, kaj nenion pli.
7) Piedo ne ..., kapo eksentis.

### FLOROJ KAJ CIFEROJ

| | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|
| A | | | | | | 15 |
| B | | | | | | 17 |
| C | | | | | | 13 |
| D | | | | | | 16 |
| E | | | | | | 19 |
| | 20 | 15 | 7 | 15 | 23 | |



Al kiuj numeroj egalas la desegnoj, se la sumoj estas kiel sur la bildo?

Inter kiuj sendos la korektajn solvojn oni lotumos premion.

Solvoj de la ludoj aperintaj en la n-ro 3/91.
1) LA MANKANTAJ VORTOJ:
Montras, Ordo, Duboj, Ebriemulo, Nesciado, Aŭskulti = M O D E N A

2) LA EGALAĴOJ

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 14 | + | 8 | + 22 | + 16 | = | | 60 |
| 14 | + | 8 | | | = | | 22 |
| 8 | + | 8 | | | = | | 16 |
| 8 | + 22 | | | | = | 8 + | 22 |

3) VORTLUDO
La stuparo.

- Neniu sendis la kompletan aŭ korektan solvon por ĉiuj tri ludoj, sed ni lotumis inter tiuj kiuj sendis almenaŭ unu.
Gajnis premion Paola Ambrosetto el Mestre VE (I).

# VORTLUDO

Ŝlosilo (7, 8): La Homaranisma iniciatinto.

| | | | | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| O | L | I | L | U | L | D | J | O | T | E | G | U | M |
| N | O | E | Ĝ | O | I | C | U | R | P | Ŝ | P | O | E |
| O | I | O | R | U | N | O | N | I | Z | U | K | T | G |
| Z | R | A | J | R | J | J | A | I | P | N | I | K | A |
| O | T | A | L | A | P | T | O | O | L | I | S | O | F |
| O | E | M | U | L | N | O | A | U | O | V | E | N | O |
| K | M | A | E | O | E | R | D | N | L | E | R | R | N |
| I | O | J | C | J | J | O | E | M | A | R | A | O | O |
| T | N | I | Z | A | O | L | N | C | N | S | K | I | A |
| S | O | R | O | N | E | T | O | O | U | O | M | K | D |
| U | G | E | O | M | E | T | R | O | B | L | E | A | I |
| K | I | I | N | O | T | O | G | N | I | D | E | R | C |
| A | R | T | I | K | A | E | I | H | R | L | I | K | U |
| T | T | I | Ĝ | I | T | F | O | O | T | G | I | F | L |

AKUSTIKO
ARAMEOJ
ARTIKA
EĜO
FOSILO
GEOMETRO
GIRI
ILIO
JAMA
JUĜI
KARESI
KRAKI
LEONO
LUCERNAJ
LUCIDA
LUDO
LULILO
MEGAFONO
MELENO
MOKI
MUGETOJ
NOCIO
NOKTO
OFTIĜI
ORGIO
OZONO
PALATO
PIAJ
PLEJ
REDINGOTO
SANA
ŜPRUCI
TARO
TEGO
TENORO
TRIBUNALO
TRIGONOMETRIO
TRIONO
ULNO
UNIVERSO
UPUPO
URALOJ
UZINON

Serĉu kaj ĉirkaŭlimigu per krajono ĉiujn vortojn enlistigitajn horizontale, vertikale, diagonale, al ĉiuj direktoj. Diversaj literoj estas komunaj en kelkaj vortoj. La restintaj, legataj laŭorde, formas la difinitan Ŝlosilon.



## † NIAJ NEKROLOGOJ †

Nur post kelka monato de la evento ni ekscIis ke la 19an de julio 1991 nia membro

**Massimo CINTOLESI**

subite forlasis nin je la juna aĝo de 44 jaroj. Ni restis tute ŝtoniĝitaj.

Kolego el la vojfako en la koncerna oficejo en Pisa, li estis lasinta la fervojon fine de 1990a por memstare entrepreni privatan profesion. Kaj ĝuste de FS li estis luinta iun malnovan dometon laŭlonge de fervojo kun la intenco reordiĝi ĝin. Tie okazis akcidento: verŝajne li falis el la subtegmento dum laboro aŭ laborkontrolo kaj batis sian kapon. Li estis sola, neniu vidis kaj nenia helpo estis ebla.

Restas la juna edzino Gabriella, la gefiloj Dario (10jaraĝa) kaj Stella (6jaraĝa).

Al ĉiuj familianoj IFEA esprimas siajn plej sentajn kondolencojn.

Romano BOLOGNESI

Eĉ pli malfrue, ĉar li delonge ne tenis kontaktojn, ni ekscIis ke la 11an de marto 1991 nia kolego, eksstaciestro, "Ruĝĉapelulo",

**Gian Leone DEGLI ESPOSTI**

forlasis nin. Post la dua mondmilito li grave laboris por la ĝenerala movado en Bologna, kie li gvidis la lokan grupon dum aliaj samideanoj aĝis por la 40a Jubilea UK 1955, al kiu ankaŭ li kunlaboris. Li estis 79jaraĝa kaj ĝis la fino li estis fidela membro de IFEA al kiu li aliĝis en la fruaj jaroj post la refondiĝo.

La 9a de aŭgusto 1992a forpasis nia malnova amiko kolego

**Spartaco Fulvio TARLINDANO**

kiu jam de kelkaj jaroj estis malsana. Li naskiĝis en 1919 kaj profesie li estis staciestro (ruĝĉapulo) en la stacidomo "Santa Lucia". Eks-Prezidanto de la loka Fervojista Esperanto-Grupo, li multe varbis kaj instruis. Estrarano de IFEA kaj de IEF, li organizis la IEF-Kongreson en "Lido di Jesolo" VE kaj multajn manifestaciojn.

Al la vidvino kaj al ĉiuj familianoj la plej korajn kondolencojn.

La 7an de fubruaro 1992a forpasis nia malnova amiko

**Anani ABEV**

fama ĉefaktoro de la BULGARA ESPERANTA TEATRO. Li, kun la edzino Belka BELEVA, amuzis nin en multaj Esperanto-Kongresoj, ĉu italaj (IEF), ĉu fervojistaj (IFEF), ĉu universalaj (UEA). Ni jam timis pri lia sanstato, ĉar en Torino okaze de la 62a Itala Kongreso de Esperanto, Belka, kiu ludis en la komedio de Carlo GOLDONI "Mirandolina" (La Hotelestrino), ne estis akompanata, kiel kutime de Anani, ĉar li jam ne bonfartis. Ni neniam povos forgesi ilian majstran roladon en "Leteroj de G.B.SHAW al s-ino CAMPBELL", unu el iliaj plensukcesaj prezentadoj. Al nia amikino Belka Beleva kaj al la filo la plej elkorajn kondolencojn.

Germano GIMELLI

Ke ili ripozu en paco.

## MIAJ REMEMOROJ PRI ANTAŬMILITA ESPERANTO-MOVADO

Mia patro ne estis esperantisto, sed li havis Unuan Libron (verdan libreton) de L.Zamenhof. La libreto ĉarmis kaj kaptis min tute. Do, en la jaro 1928 mi esperantiĝis...

En mia urbo Samara tiam funkciis du kluboj esperantistaj: E-klubo de fervojistoj kaj E-klubo de vend-oficistoj. Mi estis membro de fervojista Esperanto-klubo. La anaro konsistis el maŝinistoj de lokomotivoj, telegrafistoj kaj oficistoj. Nur mi estis lernanto de la 8-a klaso.

Kamarado Jeleznjakov, bela, bonstatura, kun granda barbo juna homo, estis prezidanto de la klubo. Sed oni ne nomis ĝin "klubo", tio estis nur "rondeto de Esperanto".

En la rondeto ni studis la lingvon kaj kun granda entuziasmo eldonadis murgazeton. Ni kantis ĥore esperantajn kantojn, sed preferis nur revoluciajn. Ekzemple: "La Internacio" "Karmanjolo" - kanto de francaj ribeluloj, kaj similaj.

Por praktiki en la lingvo ripoztage ni ekskursis ekternurben. Niaj marŝoj estis ĝojaj, babilplenaj kaj amikecaj. Miaj plej bonaj amikoj estis: studentino-esperantistino Zoja Skvorcova kaj oficisto Johano Matvienko. Ni ĉiam, ĉie aperis triope kaj parolis esperantlingve.

Tiam la ĉefa slogano estis: Proletoj de ĉiuj landoj, unuiĝu!" Ni atendis proletajn revoluciojn en aliaj landoj. En Germanio estis aktiva komunista partio kaj ĝia gvidanto Ernst Telman. Flamis civitana milito en Hispanio.

Ni ankaŭ havis la sloganon: "Esperanto estas lingvo de proletoj de la tuta Mondo!" kaj niaj leteroj estis plenaj de solidareco kun alilandaj junaj laboruloj.

Mi estis membro de SEU kaj havis verdan membrokarton. En la karto oni gluis kotizmarkojn. SEU-organizaĵo estis vigla, vasta kaj estimata. Oni eldonadis multajn esperantaĵojn (librojn, gazetojn, ktp).

Mi havis specialan SEU-insignon - verda stelo kun ruĝa ornamo. Insignon kun blanka kampo ni ne rajtis havi, ĉar ĝi estis burĝa (ne proleta). Tiam ĉefa estis la slogano: "Ĉiu laboristo kaj kamparano posedu lingvon Esperanto". Kaj oni studu kaj posedis, ĉar lernolibroj estis simplaj, aĉeteblaj, en multaj ĵurnaloj oni publikigis lecionojn de Esperanto. Esperanto estis pli simpla, pli studebla, ol nun.

Ni eĉ akceptis gastojn el eksterlando. Mi bone memoras nian germanan gaston - esperantiston el la urbo Leipzig. Li estis fervojisto kaj vojaĝis tra Soveta Unio per biciklo laŭ reloj de ŝtataj fervojoj. Iom strange, sed tio okazis. La biciklo havis tri radojn: du estis grandaj kaj la tria estis malgranda radeto. La grandaj radoj rulis laŭ liva relo kaj la radeto rulis laŭ dekstra relo de fervojo. "Diese wichtigste Mehanismus" funkciis bone kaj havis multajn grandajn nigrajn kestojn por produktoj kaj vojaĝobjektoj. Blanke estis skribite sur la kestoj, ambaŭflanke: "Per Esperanto tra la Mondo".

Mi ne scias, ĉu sukcesis lia danĝera vojaĝo tra la Mondo, sed la renkontiĝo kun fervojisto-esperantisto estis interesa, plena de solidareco Unuafoje mi aŭdis esperantan parolon kun nekutima por mi prononco.

Ŝajnis ke estis erao de prospero kaj sukceso de nia lingvo en la mondo. Mi estis junkomunisto kaj havis specialan uniformon similan al Telman-taĉmentanoj. Mi fiere portis apud la junulkomunista insigno ankaŭ esperantistan verdan steleton.

Sed aperis ĉefa danĝero de la homaro - la germana faŝismo. Sinistra figuro de Adolf Kitler jam minacis al popoloj.

Internaciismo de Esperanto kaj naciismo estas nekunigeblaj.

Disiĝis nia esperantista trio. Ien malaperis Johano Matvienko, sed Zoja Dmitrievna Skvorcova ĝis la morto agadis kiel vigla esperantisto kaj ŝi sola renovigis E-klubon kaj E-agadon post la milito en nia urbo.

Ŝadrin Valerij SERGEEVIC

(El Moskva Gazeto, 2(10) Ma./Ap.92)

[Mi opiniis interese publikigi tiun ĉi artikolon pro la multaj kuriozaj rilatoj al fervojistoj (ĉefe tia bi ciklado), sed ankaŭ interese estas malkovri la sentojn kaj la sintenon en tiu apartaj lando kaj medio. Mi ankaŭ miras pri la opinio, ke tiam Esperanto estis pli facile studebla ol nun. Mi ĝojus se venus daŭrigo; des pli bone se kun mencioj pri la malfacilaĵoj kiuj alvenis ankaŭ pro la stalina reĝimo, kaj ankaŭ poste.
RoBoj]

— O —

# BILDOJ PRI LA ITALAJ FERVOJOJ




*La stacio de Arezzo (linio Florenco-Romo): sur la unua trako estas preta elektra pasaĝertrajno de la regiona fervojo "Stia-Arezzo-Sinalunga"*



*Pasaĝera eksprestrajno trakciita per elektra lokomotivo FS E656, konstruita ekde 1975 (4200 kW, 150 km//h, 120 t).*

## REDAKTORA INFORMO

Finfine, denove jen nia IFIB. Ĉiaj re ĝi aperas kiel unika numero. La kaŭzo? baldaŭ dirite: pro la multaj vojaĝoj, kunvenoj, konferencoj, manifestacioj, preparoj de la venonta Kongreso en Cervia. Do, ne pro nelaboremo. La materialo ankaŭ estas abunda kaj varia. Ni esperas, ke oni indulgos nin kaj ke la Bulteno plaĉas al ĉiuj.

La presmaterialo kaj adresetikedoj estis preparitaj en komputilo de la Sk Romano BOLOGNESI; la redaktado estis farita de la Sk. Claudio PAVESI, Agostino MANTOVANI, la presado zorge de la Sk; la enkovertigo, etiketado, algluado de poŝtmarkoj kaj sendo de la Sk,. la Ks Sergio NEGRONI kaj aliaj. Dankon al ĉiuj.

La Redakcio




ENHAVO

Paĝo
- Quote sociali ............... 2
- Nuove adesioni ............... 2
- Un gradito "di piu`" ........ 2
- L.K.K. Cervia 18-19.01.92 ... 2
- Ĝeneralkunveno SEFA 14.03.92 4
- E-Grupo Tregnago 21-22.03.92 5
- Eŭropa Kongreso Verona 92 ... 5
- Jarkunveno Rumanaj Es.-Ferv. 5
- 80a de E. en Bologna. Jubileo 6
- 40a de FISAIC en Millau. Jub. 7
- Estraro IFEF Bo. 22-25.10.92 8
- Com. Esec. IFEA 08.11.92 .... 9
- L.K.K. Bologna 08.11.92 ..... 11
- Amikaj rilatoj ............... 12
- Italaj popoldiroj ........... 12
- Devizoj el famuloj .......... 13
- La danĝero de la tabako ..... 13
- Granda ponto al Sicilio ..... 14
- Fervojlinio finita... ....... 14
- Pensoj: Tibor Sekelj ........ 14
- Turisma broŝuro (Trento) .... 15
- La kontrolada cirkvito de ... 15
- Koran dankon ................ 16
- Kolekto de kongreslibroj .... 16
- Malnovaj IFIB-numeroj ....... 16
- Zamenhofa tago en Verona .... 16
- Redakciaj adresoj ........... 16
- Reagoj ricevinte IFIB ....... 16
- Muzeo de bildkartoj ......... 16
- Gratulojn pri la Bulteno .... 17
- 45a IFK Cervia 06-12.06.92 .. 17
- Radio dissendoj el Italio ... 17
- Korespondi deziras .......... 18
- Fervojistaj E-Aranĝoj ....... 18
- Alia E-Aranĝoj .............. 18
- Spritaĵoj ................... 18
- Ni cerbumas ................. 19
- Niaj nekrologoj ............. 21
- Miaj rememoroj pri antaŭmili. 21
- Bildoj pri la italaj fervojoj 23
- Redaktora informo ........... 23